# Fenikso

**Forumo de Esperanto Nederland**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland.**

ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,-); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--) ; FENIKSO estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914
<gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike:** Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme,
Albert I-straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:** Eriko : Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

ESPERANTO NEDERLAND

Prezidanto: vakas

Sekretario PROVIZORE vi uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

Membro-Administranto: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. Tel.: 0527-23 93 78. <membroj@esperanto-nederland.nl>.

Kasisto: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monnickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Bankkonto: IBAN: NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monnickendam; UEA-konto: esne-h.

Informado/informmaterialo: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.

Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>.

Studie-weekeinde:
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>
aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder, Tel.: 0223-64 37 81.


# DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de marto 2015. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO



## Ĉe la frontpaĝo

Hans Bakker (8-an de novembro 1937-21-an de januaro 2015), Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio

Vi trovos en p. 4 kaj 10 kelkajn fotojn rilatajn al la Afrika Agado de Hans Bakker.

## DE VIA REDAKTORO

Pasintnumere, ĉe la Raportaĵoj, vi povis legi artikoleton de Rob Moerbeek pri doktoriĝo de Marcus M.P. van Hulten. Venis ĝustigo de la nova doktoro, ke lia nomo estas Marco M.P. van Hulten.
En la nuna numero vi NEPRE tuj legu – kaj reagu! la alvokon de nia kasisto pri kotizo-pagado kaj la inviton al la Publika leciono de Profesoro Federico Gobbo.
Supozeble ankaŭ vin trafos malĝojige la fakto, ke ĉi-foje EĈ TUTE NENIUN foton mi ricevis por la revuo! Kion fari!?
Via malfeliĉa redaktoro.

Gerrit Berveling

# DE LA ESTRARO

***Oproep van bestuur / penningmeester***

*Wilt u zo vriendelijk zijn om voor 30 april 2015 uw contributie over te maken aan Esperanto Nederland?*
*Als u de penningmeester al hebt gemachtigd hoeft dit natuurlijk niet!*
*De contributie bedraagt € 30,= per lid en € 10,= voor inwonende medeleden.*

**Overmaken aan rekening nr. NL10 TRIO 0786 8441 67 t.n.v. Esperanto Nederland.**

**2] Tagordo**
**por la 24-a ĝenerala kunveno de Esperanto Nederland**, okazonta la 13an de junio 2015 de 10.00 h ĝis 13.00 h en la ejo Kargadoor, Oude Gracht 36, 3511 AP Utrecht.
tel. Kargadoor 030 – 2310377

Membro povas reprezenti maksimume 2 aliajn membrojn, se li/ŝi transdonis subskribitajn mandatojn al la registranto ĉe la komenco de la kunveno.

00. *Alveno* ekde 10.00 h.

01. *Malfermo de la ĝenerala kunveno* je 10.30 h.
Rememoro de la forpasintaj membroj.

02. *Fikso de la tagordo* kaj envenintaĵoj.

03. *Protokolo* pri la 23-a ĝenerala kunveno en 2014.

04. *Agadraporto* pri 2014.

05. *Financaj raportoj* pri 2014.
- 5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono.
- 5.2. Rezultkonto pri 2014
- 5.3. Bilanco je 31-12-2014.

06. *Proponoj*
- 6.1. Propono de la estraro: fikso de la kotizoj por 2015. La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn.
- 6.2. Buĝeto kaj Laborplano 2015
- 6.3. Ŝanĝoj en la 'statuten' kaj 'huishoudelijk reglement'

07. *Elektoj*
- 7.1. Estraro
  Ineke Emmelkamp demisias kaj ne estas reelektebla.
  Rob Moerbeek demisias, sed estas reelektebla.
  Juri Smolders demisias.
  La estraranoj Wald ten Hagen kaj Pieter Engwirda estas elektitaj en 2013 por trijara periodo (periodo 2013- 2016).
- 7.2. Kaskontrol-komisiono
- 7.3. Arbitracia komisiono

Ne necesas elekti novajn membrojn dum la jarkunveno en 2015.
En la komisiono estas : Anneke Schouten-Buijs (2013-2016), Johan Swenker (2014-2017) kaj Marc van Oostendorp (2014-2017).



08. *Informado pri diversaj temoj*
- 8.1 Goslinga-kolekto : la enhavo estas transdonita al UEA kiu prizorgas la enhavon.

09. *Jubileantoj*
Ni honoras la membrojn, kiuj festas sian 50-jaran membrecon.
Ni mencias la membrojn, kiuj antaŭ 25 jaroj aliĝis al la asocio.

10. *Verloren van Themaat-premio*.
La ĵurio anoncas la rezulton.

11. *Ronddemandado.*

12. *Fermo*

Dum la mateno funkcias la UEA-Libroservo.

Informoj pri la posttagmeza programo sekvos.

**3]Wijzigingen in ledenbestand:**

Overleden:
S.ro R.Bossong, S.ro C.van Dijk, S.ino A.M.Demmendaal-op den Brouw

*Nieuwe leden*
S.ro E(mil) Jacobs, Sittard,
S.ro M(ark)H. Van der Schouw, Dordrecht
S.ro G(erard) Wienema, Münster, Duitsland
S.ro A(ndries) Hovinga, Leeuwarden

*Wijziging e-mailadres*
S.ino M.Massar:
a.massar@upcmail.nl
S.ro H.Adriaanse:
hansa3aanse@gmail.com
S.ino G.Dercks:
gcamdercks@gmail.com
S.ro R.Groeneveld:
groeneveld_robc@outlook.com
S.ino E.de Kuijer:
e.m.dekuijer@gmail.com
S.ino M.H.Erasmus:
marjet.erasmus@zonnet.nl

*Adreswijziging:*
S.ro D.ten Haaf, Rijswijk

# EL MIA LETERKESTO

1] Per ĉi tio mi petas vin, meti tiun artikoleton en *Fenikso* pri mia **peranteco por S.A.T.**
Pro mia sanstato mi ne plu bone povas okupi min pri tio kaj mi do intencas ĉesi la laboron ek de la jaro 2015a.
Pardonu min ke mi estas iom malfrua, sed pro diversaj kaŭzoj mi ne kapablis informi vin pli frue. Dankante vin pro via kunlaboro, mi tutkore salutas vin. Se vi volas havi kontakton kun mi bonvolu ne uzi interreton, ĉar mi ne mem posedas ĝin. Vi povas telefoni min. Vidu la numeron ĉi-sube.
La kotizon por la jaro 2015 vi povas pagi al: [IBAN] FR412004100001 0123422KO2064 nome de: S.A.T. Paris.
Kun koraj salutoj
S.A.T.-perantino por Nederlando,
p/a C. Kwantes-Kooij,
2023 RB Haarlem
Tel: 023-5276561

2] en *Fenikso* mi vidis vian **demandon pri ebla familia rilato inter J.M. Mabesoone**, kiu forpasis en Brazilo en aŭgusto, kaj P.M. Mabesoone, kies nomon estas konata pro la Mabesoone-fonduso. Efektive ili estis filo kaj patro. Tion mi povis konstati surbaze de la malnovaj membroslipoj de UEA, laŭ kiuj ambaŭ havis saman adreson en la tempo, kiam la filo aliĝis al UEA.
Amike,
Osmo Buller

3] **NGGE informas vin**, ke estis aldonita nova parto de la lingva rubriko 'alternsemajna ripeto'.
Bonvolu rigardi la retejon de Esperanto Nederland.

4] Estimataj geamikoj,
Certe vi scias **pri la laboroj de Hans BAKKER pri Afriko**. Eble vi ne scias, ke Hans plu rilatas kun afrikaj Esperantistoj nun. Jes Ja ! Sed ne tiom intense kiom antaŭe, ĉar li jam transdonis siajn laborojn al ACE (Afrika Centro Esperantista) en Togolando. Ĉirkaŭ Kristnasko mi havis korespondadon kun li, kaj mia ĉefa demando estas: *Kion vi celas zorgante pri afrika agado*. Li ne tuj respondis, kaj mi devis ripeti la demandon, kaj finfine li skribis: *Mia celo estis la evoluo kaj emancipiĝo de Afrikanoj. Esperanto estas rimedo en tio.*



Hans multe laboris por Esperanto en Afriko. El iamaj liaj vortoj konsistas jena paragrafo :
*La 15-an de septembro 1980 Hans BAKKER skribis la unuan leteron, tiel komencante sian laboron por Afriko. Dum pli ol dudek jaroj li instruis la afrikanojn ne nur pri Esperanto, sed ankaŭ pri konstruo de propra vivo. Hans tiel fariĝis patro de afrikanoj, kiujn li ĉiumaniere helpis kaj pluhelpas. Nun abundas Afrikaj Esperantistoj instruitaj de Hans. La laboroj de Hans pluiru kaj tial ĉi Togolandanoj, kiuj transprenis preskaŭ ĉiujn laborojn de li, iniciatis kreon de centro, kiu servu al Afrikaj Esperantistoj. Temas pri ACE (Afrika Centro Esperantista).*
*Tiu ĉi daŭrigas la afrikan agadon iniciatitan en 1980 fare de s-ro Hans Bakker por la disvastigo de Esperanto en Afriko, informe, eduke kaj aplike, en la humanisma spirito kiu inspiris lin.*
ACE faras, kion ĝi povas, sed ŝatus, ke estu pli da homoj por tiuj laboroj, kiujn Hans tro ŝatis. Amikaro de Hans helpos en tio. Tial tiuj ĉi vortoj estas nun antaŭ vi. Do la laboro de la amikaro estas kunlabori kun ACE por la plenumado de la laboroj de Hans. Kiuj pretas esti en tiu ĉi amikaro, tiu respondu tiun ĉi mesaĝon kun la mencio AKCEPTITE. Tio sufiĉas por komenci. Poste, ĉiuj ni vidos kiel ni povos helpi al afrikaj esperantistoj en la linio de Hans BAKKER, kiun miloj de afrikanoj nomas PAĈJO. Ni ne forgesu, ke Hans havas rekonojn pri sia laboro por Afriko:
- Premio DEGUĈI
- Kavaliriĝo fare de la Reĝino de Nederlando
- Esperantisto de la jaro (Fare de la Ondo de Esperanto)
- Portreto de Hans nun staras en la Muzeo de Jerusalemo flanke de tiu de Zamenhof.

Hans faris multon, kaj necesas, ke ni daŭrigu liajn laborojn.
Kun la espero, ke ĉiuj el vi pripensos la aferon por scii kiel konkrete kontribui en la amikaro, mi deziras ĉion bonan al vi novjaran.
GBEGLO Koffi <esp.togo@cafe.tg>

5] Esperantlingvaj (aŭ esperanttemaj) **Bitlibroj** elŝuteblaj ĉe Hungara Bit-Biblioteko:
http://mek.oszk.hu/keresesek/keresesek.phtml?nyelv=epo

*Noto de la redaktoro:*
Tiun vorton nepre vi sciu: bitlibroj = elektronikaj libroj.

# REVUOJ RICEVITAJ

Depost la pasinta numero alvenis: ***Nederlanda Katoliko***, okt-dec 2014: oni malfondis la unuiĝon kun danko pro la multjara kunlaboro. La finon kaŭzas malkresko de membroj kaj manko de novaj. Kialo? Oni sugestas, ke eble la retaj eblecoj tion kaŭzas; ***Nova Irlanda Esperantisto***, jan-feb 2015; ***La Revuo Orienta,*** 1114 + 1115, nov + dec 2014: Paulo Sergio Viana el Brazilo rakontas pri duonjarcento da esperantisteco; ***Sennaciulo*** 11-12, nov-dec 2014: informplena temdosiero Ukrainio; ***Panoramo de La Granda Insulo***, dec 2014 (informilo pri la ĉiutaga vivo de simplaj civitanoj en Malagasio): artikolo pri Jarfinaj festoj; pri Origino de Ĉinoj en Malagasio; ***Horizon-taal***, jan-feb 2015: zeer lezenswaardig artikel over Michiel de Swaen, de rederijker van Duinkerken; kiom mi komprenas, malprave ne plu konata Nederlandlingva-Flandra aŭtoro; ***Esperanto de UEA***, dec 2014, jan 2015: ĉar ĉiu ĝin abonas, ni preteru ĝin ĉi tie; ***La Sago (Sat-Amikara Gazeto)***, nov-dec 2014: pri forgesitaj militoj – precipe en Afriko; ***Esperanto Aktuell***, 2014/6pri muzeo pri paco en Vieno; Esperanto-Filmfestivalo en la Kavalira Salono en la kastelo Herzberg; ***AEU-Bulteno (Andaluzia Esperanto-Unuiĝo)***, okt-dec 2014: artikoleto pri Sankta Nikolao, identigita al la Usona Sankta Klaus

Se mi povus premii unu el la revuoj, kiuj atingis nin, mi nepre premiu la Germanan Revuon. Ĝi enhave kaj forme alte elsteras inter siaj konkurantoj.

gb

# ESPERANTO PUBLIKE

Molenwiekje van november 2014, Ans Heijstra-Valkering.






# FILMETOJ RETE

1] Ĵus publikigita, mi certas ke ĝi interesos vin:
**http://youtu.be/mhq1vFgz8kY**
Miguel Gutiérrez Adúriz
sferoj@gmail.com
2] Interesa iniciato kiu rilatas al la esperanta kulturo
**http://youtu.be/sG8Lg2H_ZcI**
Miguel/Liven
3] Glaciaĵo el ruĝaj fruktoj
**http://youtu.be/qY1RrKH9J_Y**
4] Radio 3ZZZ en Esperanto elsendas el Melburno, Aŭstralio, kaj en sia plejlasta programo ĝi enhavas **belegan operan kanton en Esperanto el la opero Karmen de Bizet** “La strofo de Eskarmiljo” kantita de Vaselin Damjanov.
http://melburno.org.au/…/elsendo-de-la-15a-de-decembro-2014/
Ĝi komenciĝas je minuto 4.10

Roberto Poort

# RECENZO

En 2013 Mondial eldonis **Libazar' kaj Tero, Kvarmana sonato dutonala**, sciencfikcia romano de Julia Sigmond kaj Sen Rodin.
(ISBN 9781595692665.)

Libazar'estas ĝemela planedo de Tero en Galaksio PU-44422, ankaŭ la sola kontinento de tiu planedo nomiĝas tiel; ĝi troviĝas en la oceano kovranta la ceteran planedan surfacon. Administracie ĝi dividiĝas en kvar Kantonojn: Nigraburgo, Taŭlagopo, Matagino (kuniĝintaj en la Libazara Federacio), kaj Vanavaro (la plej vasta, okupanta la orientan duonon de la insulo).

Sur Libazar' loĝas krom la tre homecaj libazaranoj ankaŭ la pacamaj silanverinoj, kiuj kapablas vojaĝi inter Libazar' kaj Tero, toksoj, kiuj plenumas ĉiaspecan laboron kiel servantoj de la libazaranoj, kaj krome loĝas en Vanavaro robotoj kaj robotidoj.

Najvo, knabo de Tero, kiu dank' al silvanerino vivas kun libazara familio en Nigraburgo, komence ne multe komprenas pri la tiea socio sed povas pristudi ĝin en libro de sia "stifpatro". Tiel ankaŭ la leganto ekscias multon, ekz., ke en Libazar' ne plu ekzistas mono sed kalkulo pri ies merito: devas esti ia egalpezeco inter sufero kaj ĝuo, kio povas okazigi grandajn problemojn. Kiam muzikisto ĝuas tro multe pro sukcesa komponaĵo, li perdas sian indikilon kaj samurbanoj rajtas mortigi kaj manĝi lin. Feliĉe la libazara familio de Najvo akceptas lin en sia hejmo kaj poste li estas prenita al Tero, kie diversaj burokratiaj problemoj atendas lin sed ankaŭ entuziasma agnosko de lia talento.

La surtera vivo havas siajn proprajn problemojn, i.a. malbona traktado de ciganoj. La situacion plibonigi provas TOFO, la Teksista Frataro kaj ĝiaj gvidantoj. La priskribo de tiu frataro memorigas min pri la grupo de virinaj unitarianoj, kiujn mi renkontis en Rumanio. Ili teksas ĉifontapiþojn, faras ornamaĵojn, kudras aŭ trikas vestaĵojn kaj vendas ilin. Per la gajnita mono ili aĉetas manĝaĵojn kaj aliajn bezonaĵojn por malriĉuloj. La TOFO-anoj konsilas, okazigas artajn kunvenojn, aranĝas helpon post inundo, trovas novajn laborkampojn por la junularo k.t.p.

Sur ambaŭ planedoj la junularo iom ribelemas, volas vivi alimaniere, havas zorgojn pro amo aŭ laboro kaj trovas solvojn taŭgajn en siaj tiel alispecaj socioj.
La libron finas listo de klarigaj notoj.

En 2013 aperis memore al la 100-jara Japana Esperanto-Kongreso en Tokio **Japana Literatura Juvelaro**. (ISBN 978-4-88887-080-1)
Por eviti kopirajtajn problemojn, la Japana Esperanto-Instituto uzis nur verkojn de antaŭ pli ol kvindek jaroj kaj eĉ tiel ne povis publikigi ĉion senditan.
Kun intereso mi legis kronikon pri la deveno de la tennoo (imperiestro) Temmu (631-686), en kiu la multaj notoj bedaŭrinde ofte nur indikas sen plia klarigo la prononcon de nomoj de dioj.

Sekvas de la tre konata poeto de hajkoj kaj aliaj poeziformoj, Bashō, esearo pri vojaĝo en 1689 en kiu aperas multaj hajkoj liaj kaj de kunvojaĝanto Sora, ekzemple:

Ho, kvieteco!
Penetras ja en rokojn
cikada trilo
(p. 53)

La libro enhavas cetere rakontojn pri supernaturaj aferoj aŭ pri "realaj" homoj kaj iliaj spertoj, parton de aŭtobiografio, porinfanan rakonton, tankaojn de diversaj poetoj, kelkajn anonimajn senrjuojn, ekzemple:

Jen plej vivsava
medikament'! – la pako
ormon-enhava
(p. 79)

Skolopo, rakonto pri vizito de Turgenjev en la domo de Tolstoj kaj ĉasado de tiuj birdoj, povus esti verkita de rusa samtempulo de tiuj aŭtoroj.
La rakonton Formo, pri samurajo Nakamura Ŝimbej mi jam konis: kiel ŝanĝo de vestaĵoj ŝanĝas la sintenon de atakantoj.
La du eseoj de Terada Torahiko finiĝas per pardonpetoj pri neperfekteco; sinteno humila de orientuloj, kiun mi kelkfoje spertis en renkontiĝoj kun japanaj, koreaj kaj tajvanaj poetoj.
La libro finiĝas per Neĝo, rakonto pri geedziĝo kiun aliigas densa neĝofalo, tristiga Patrino kaj infano kaj La Rompita Arko, en kiu tro bele ornamita pafarko kaŭzas akcidenton.
Entute tre interesa, ofte bela enhavo en senriproĉa Esperanto.

Relative malnova, sed ankoraŭ interesa libro estas **Sarkasme kaj Entuziasme** de Miyamoto Masao eldonita en 1979 de La Kritikanto.
La ofte tre mallongaj eseoj en ĉi tiu libro estis verkitaj en la sepdekaj ja-

PIEDNOTO: Inter 1935-39 aperis traduko en kvin volumoj de tre malnova klasika teksto Japana: KRONIKO JAPANA, Japana Esperanto-Instituto. Noto de la redaktoro.

roj de la antaŭa jarcento kaj ne perdis sian aktualecon.
*Pri "La"* mencias i.a. la malfacilecon ĝuste uzi artikolon; tio kion la Plena Gramatiko skribas pri ĝi ne plifaciligas tion: kial uzi ĝin antaŭ propraj nomoj, se ili havas adjektivan epiteton: Johano la Brava, kaj ne antaŭ la epitetoj sankta, beata (Sankta Johano, Beata Angelika).
En *Esperanto, ĉi tiu intereŭropana lingvo!* la aŭtoro komparas la reagon de eŭropaj legantoj de japana historia rakonto al tiu de japanoj al la nomolistoj en la biblio. Kelkloke li plendas, ke multe el la eŭropa literaturo estas konata en Japanio, sed en Eŭropo oni preskaŭ nenion scias pri la japana literaturo, ekcepte de hajkoj, kiujn li opinias ne tre gravaj.
La recenzoj malŝpare laŭdas kaj malavare kritikas; ekzemple pri *Eseoj* de Gaston Waringhien: "Sed mia plej granda malkontento restas ĉe la loko: neniam publikigu tradukon, eĉ deklinian, kiun vi ne kontroligis per (?) klera alilingva esperantisto. (p. 27) Kaj pri *La Infana Raso*: Sed amiko, kiel mi skribis rekte al vi, mi nun devas konfesi ke via 'elstareco' devenas de la kompare malalta nivelo de nia originala literaturo.' (p. 28)
Ion tian skribis Humphrey Tonkin pri la nivelo de sendaĵoj por la Belartaj Konkursoj 2014 (*Esperanto*, p. 184-185).
Ankaŭ tradukitajn verkojn la aŭtoro akre kritikas, i.a. en *Pri la editorado de " La Faraono",* kie li indikas kelk/dek erarojn (p. 111-118) kaj en *Pri Plena Ilustrita Vortaro*. La subtitoloj klare montras liajn ideojn pri ĝi:

Ĉu ĝi meritas la titolon "Ilustrita"?
Tro leĝdona karaktero
Eraroj pri kategoriigo
Pri aziaĵoj (kiuj laŭ li tro mankas)
Metindaj kapvortoj.
(p. 119-131)

Tre interesaj mi trovis artikolojn pri recenzado; estas klare, ke mi sekvas la plej facilan vojon de enhavopriskribo kaj indiko, ĉu mi ŝatas la libron (kaj kial).
La libro finiĝas per postparolo de V. Benczik: *Miyamoto, herezulo el Oriento* kaj listo de liaj ĉefaj verkoj.

Anneke Schouten-Buijs.







*Vrijdag de 13e maart 2015 om 16.00 uur, zal de Hooggeleerde Heer dr. F. Gobbo, vanwege de Universala Esperanto-Asocio (UEA, Esperanto-Wereldvereniging, Rotterdam) benoemd tot* Bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto*, zijn hoogleraarsambt openlijk aanvaarden door het uitspreken van een rede:*
**Interlinguïstiek, een vak voor meertaligheid**
**Interlingvistiko, fako por multlingveco**
**Interlinguistics, a discipline for multilingualism**
*in de Aula der Universiteit, ingang Singel 411, hoek Spui.*
*Tot het bijwonen van deze plechtigheid worden alle beoefenaren van de wetenschap en alle belangstellenden uitgenodigd door de Rector Magnificus prof. dr. D.C. van den Boom.*
*In de onmiddellijke omgeving van het Spui is nauwelijks parkeerruimte; de Aula is bereikbaar met de trams 1, 2, 4, 5, 9,16 en 24, halte Spui.*

# INVITOJ

1] **Literaturkunveno ĉe Internacia Esperanto-Instituto**
La 14-an de marto 2015 Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Hago organizos Literaturkunvenon dum kiu Paul Gubbins, angla esperantisto, ĉefredaktoro de la internacia esperantlingva magazino "Monato", membro de la Akademio de Esperanto, pritraktos diversajn literaturajn temojn (prozon, poezion, dramon).

La loko de la kunveno estas Riouwstraat 172, Den Haag.

La programo estas:
10:00-10:30 horo: akcepto kun kafo/teo/kuko
10:30-12:00 horo: pritraktado de verkoj de Baghy: „Estas mi esperantisto" / „Rankvarteto"
Forge: eltiraĵo el „Mr Tot aĉetas mil okulojn/„Kurzens"(poemo)
12:30-14:00 horo: komuna lunĉo en itala restoracio
14:00-16:30 horo: ni daŭrigos la programon kun la pritraktado de verkoj de:
**Cezaro kaj Reto Rossetti: eltiraĵo el "Kredu min, sinjorino!"**
**/poemo de Reto Rossetti**
**Auld: poemo**
**Boulton: eltiraĵo el unuaktaĵo / Poemo**

Vi estas bonvena partopreni la kunvenon, bonvolu aliĝi antaŭ la 7-a de marto per pago de €15,00 (por la lunĉo) al bankkonto (IBAN) NL 52 INGB 0000 162626 nome de Int. Esperanto-Inst., Den Haag.

Bv. indiki ĉu vi volas vegetaran lunĉon.
Por demandoj aŭ kromaj informoj vi povas kontakti nin per retmesaĝo: iesperanto@versatel.nl
Vidu ankaŭ la retejon de IEI: www.iei.nl

2] **La franca Esperanto-kastelo GRESILLON** deziras al vi pacan jaron 2015 ... kaj informas pri sia programo:

2015-apr-03/08: Renkontiĝo de *Interkant'* kaj kunkantado kun *La Kompanoj*
2015-apr-17/25: PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun Zs. Korody, Ch. Chazarein, M. Quenut - vidu rete http://gresillon.org/printempas
2015-apr-25/26: PRINTEMPaS, internaciaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1) - vidu rete http://gresillon.org/printempas

2015-jul-20/25: Reĝaj ekskursoj, UK-antaŭkongreso - vidu rete http://gresillon.org/s2
2015-aŭg-01/08: Lingva semajno, Lingvofestivaleto, tuj post UK - vidu rete http://gresillon.org/s3
2015-aŭg-08/16: Festa Semajno por infanoj kaj familioj - vidu rete http://gresillon.org/s4

2015-oktobro: AŬTUNE, lingva seminario kun Christian Rivière k.a.
Jara agendo/kalendaro en gresillon.org/agendo <http://gresillon.org/agendo>

Por la aŭgustaj semajnoj aŭ poste, ni bonvenigas viajn proponojn por instrui vian lingvon
aŭ Esperanton, por prelegi/koferenci aŭ por animi aktivaĵojn por infanoj. Skribu al bertox@free.fr




Benedikto verkis la Regulo-n, per kiu li ordigis la monaĥejojn en Okcident-Eŭropo. Nun aperis tiu epokfara teksto en Esperanto.

# Esperanto en Komerco

**En la revuo Esperanto aperis interesa artikolo pri Esperanto-komercistoj en Ĉinio.**
**La riproĉo de la aŭtoroj Wang Tianyi kaj Zhang Tie Zheng ("Paroli pri komerco kaj profito oni apenaŭ toleras") estas tute ĝusta. Jam dum jardekoj mi vokas la samon, sed UEA neniam aŭskultas (pardonu, s-ro Wensink). Do kiel malnova IKEF-ano kaj internacia komercisto mi tre ĝojis pri ĉi tiu artikolo. Antaŭ multaj jaroj mi prelegis en Ostende (Belgio) antaŭ ĉina delegacio pri tio kaj antaŭ kelkaj jaroj en ĉina kunveno dum la UK en Roterdamo. Tiam mi konsilis al tiuj ĉinaj gvidantoj oficiale enkonduki 2 komunikeblecojn al eksterlandaj komercistoj: aŭ paroli/korespondi en la ĉina lingvo aŭ en Esperanto. Por Ĉinoj, Japanoj kaj Koreoj la angla estas tre malfacila lingvo, multe pli malfacila ol ekz. la hispana aŭ la franca. La angla estas fakte unu el la plej maltaŭgaj lingvoj por internacia uzo. Certe Eŭropanoj kaj Amerikanoj elektos Esperanton, ĉar multe pli facila ol la ĉina. La Esperantomovado ne povas fari pugnon ĉi-rilate, sed la Ĉina ekonomio ja!**
**Tamen, kvankam mankis kaj mankas komercistoj, kiuj parolas Esperanton (mi estis unu el la malmultaj), Esperanto servis al mi bonege en la komercado dum jardekoj!**
**En la 70-aj jaroj mi malfermis la merkaton en la Fora Oriento, laborante kiel eksportestro por la plej granda maŝinfabriko en Nederlando. En tiu tempo loĝis en Amsterdamo la japanaj geedzoj Kuzume. Kaj aŭdante pri mia vojaĝo al Japanio, Sonoko Kuzume prizorgis kontakton kun Rondo Hobio en Tokio. Grupo de tiu rondo venis al mia hotelo kaj ek de tiu tempo mi havis aron da geamikoj, kiuj montris lokojn kaj aĵojn, kiujn turistoj ne konas kaj donis informojn dum niaj babiladoj, kiuj estis tre utilaj al mi. Same okazis kun Oomoto. Sensei Eizo Itoo iam estis bona amiko mia. Dum miaj negocaj vizitoj al japanaj klientoj (i.a. Ohtsuka, Mitsubishi) mi rakontis pri miaj spertoj kaj tiuj japanaj direktoroj multe respektis min pro mia kono kaj scio pri Japanio. Tiel jam tuj ekestis bona etoso kaj sfero de reciproka fido, kiu multe faciligis la negocojn. Ankaŭ nia reprezentanto "Mitsui" multe miris pri miaj Esperanto-kontaktoj. Baldaŭ miaj vendoj estis plej bonaj ene de nia kompanio. Dank'al Esperanto!**
**Fakte mi ricevis mian funkcion ĉe tiu kompanio dank'al la internacia lingvo. Kiam oni dungis min, mia estro diris:"Ĉu vi scias, kial vi ricevis ĉi tiun funkcion? Ĉar en via "CV"(vivpriskribo) mi legis, ke inter la lingvoj, kiujn vi parolas, troviĝas Esperanto. Tio signifas ke vi estas iu, kiu pensas internacie". Kiu ankoraŭ kuraĝas diri, ke Esperanto ne povas servi al komercado?**

**Kees Ruig, NL (eksportestro, komerca direktoro, konsilisto pri internacia komerco de la Ĉambro de Komerco, nun pensiulo), membro de IKEF**

# RAPORTAĴO

NGGE danke memoras la instruajn kaj edukajn meritojn de la karmemora Hans Bakker. En la Centra Oficejo troviĝas multaj dosieroj kun la korespondaĵoj inter li kaj afrikaj kursanoj. Vera trezoro. Kaj lia engaĝiĝo por Instituto Zamenhof, sed laste ankaŭ la Madagaskara periodaĵo 'La Granda Insulo' pravigas daŭran subtenon.

Ne multan atenton kaptis grava katastrofo aliloke en Afriko: la 13-an de januaro en Malavio pro senĉesaj pluvegadoj fortreniĝis kaj detruiĝis centoj da domoj kaj unuloke mortis pli ol cent homoj. Ankaŭ en la rifuĝejo de nia sola UEA-membro, la pastoro Jean-Claude Irambona detruiĝis domoj (103) kaj pereis pli ol dek personoj. Li kaj liaj lernantoj suferis la perdon de la Esperanto-lernejo. De kie la rifuĝintoj ekhavu novajn brikojn, cementon, ladotegmentojn? Dank' al kunlaboro de UEA la agado 'Lernejo en Malavio' ricevis novan konton por la rekonstruo: mwle-n, pere de kiu almenaŭ la lernado estis rekomencebla: mono por granda tendo atingis la malfeliĉajn samideanojn kaj la provizorejo estis danke ekuzita. Tamen, daŭras la pluvegoj, do ni esperas, ke poste eblos per nia komuna engaĝiĝo havigi la rimedojn por vera nova konstruaĵo.

Ni esperas pri simpatio.

Sed NGGE ankaŭ havas kialon gratuli: La 20-an de januaro nia ekskasistino Julija de Vos-Batrakova naskis duan filon Niels: Ni ĝojas kun ŝi, la edzo Ed kaj la unua filo Maksim.

Ĝuste en la nuna jaro kun la Tria Konferenco pri Instruado de Esperanto maje en Svislando estas necese havi fidindajn informojn pri la - ankaŭ neformalaj - Esperanto-kursoj: helpu nin aktualigi niajn statistikojn !

Rob Moerbeek.
moerbeekr@gmail.com








# NEKROLOGO

**Gazetaraj Komunikoj de UEA**
**N-ro 567**
**2015-01-21**
**FORPASIS HANS BAKKER (1937-2015)**

La 21-an de januaro forpasis en Amsterdamo, post elĉerpa malsano, Hans Bakker, Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio. Li naskiĝis la 8-an de novembro 1937. Dum sia vivo li faris profesie multajn laborojn; laste, antaŭ sia emeritiĝo, li laboris ĉe la nederlanda partio Verda Maldekstro.

Filo de aktivaj esperantistaj gepatroj, Hans Bakker lernis Esperanton ĉirkaŭ la jaro 1953. Li eniris la Esperanto-movadon en 1955, kiam li membriĝis en la nederlanda sekcio de TEJO. En 1964 li kunorganizis la 20-an Internacian Junularan Kongreson en Amsterdamo, al kiu li sukcesis allogi la ĉeeston de pluraj gravaj ne-esperantistaj organizaĵoj. Kiel gvidanto de la Komisiono pri Ne-Esperantistaj Organizoj de TEJO (poste nomita Komisiono por Eksteraj Rilatoj), de 1965 ĝis 1976, li donis fortan puŝon al la eksteraj rilatoj de TEJO, kun seminarioj, eldonaĵoj k.a. agadoj, kiuj dum multaj jaroj estis plene financataj per subvencioj el ekstermovadaj fontoj. En 1976 TEJO elektis lin sia Honora Membro.

Hans Bakker aliĝis al UEA en 1962, tuj kiel dumviva membro. De 1982 ĝis 1988 li estis estrarano de Instiucio Hodler ’68 kaj de 1992 ĝis 1995 estrarano de UEA pri financo kaj administrado. Dum multaj jaroj li estis kunredaktoro de la revuo “Fen-X” de la landa asocio Esperanto Nederland.

Unikan lokon en la historio de Esperanto Hans Bakker havas pro sia laboro por la afrika agado de UEA, kiun li gvidis de 1980 ĝis 2001. El lia celkonforma kaj persista laboro rezultis, ke tuta kontinento aperis sur la mapo de Esperanto kaj UEA, kie ĝi antaŭe preskau plene mankis. Li sciis kolekti ĉirkaŭ si reton de entuziasmaj kunlaborantoj, kiuj persone gvidis la lingvolernadon de afrikanoj. Li kreis ankaŭ vastan reton de amikoj de Afriko, kiuj per siaj donacoj ebligis la sendadon de lerniloj kaj ĉiaspecaj aliaj materialoj bezonataj de lokaj kluboj kaj landaj asocioj, kiuj komencis naskiĝi en rapida ritmo. En 1987 Bakker ebligis al 13 afrikanoj el 9 landoj partopreni en la Jubilea UK en Varsovio, post unumonata kurso en Hungario por spertiĝi pri la lingvo kaj ĝia instruado. Ĉirkaŭita de ili sur la kongresa podio, Bakker transprenis la unuan Premion Onisaburo Deguĉi, kiun la Estraro de UEA aljuĝis al li pro lia “sindediĉa kaj strategie brile kunordigita laboro por la afrika Esperanto-movado”. En la jaro 2000, en voĉdonado de “La Ondo de Esperanto”, li krome estis proklamita Esperantisto de la Jaro.

Por krei solidan bazon por la afrika agado en estonteco, per donackampanjo de Bakker kreiĝis en la jaro 2000 Kapitalo Afriko de UEA. Plia rezulto de lia agado estis la konstruado de lernejo en Togolando, Instituto Zamenhof, fondita en 1995 per liaj subteno kaj kunlaboro kun Gbeglo Koffi, lia frua lernanto kaj la unua afrika estrarano de UEA.

Pro siaj grandaj meritoj al la Esperanto-movado, Hans Bakker estis elektita kiel Honora Membro de UEA en 2002. La Komitato karakterizis lin kiel “tre grandan ekzemplon por la junaj generacioj, ĉar li estas unu el tiuj esperantistoj, kiuj laboregas kaj ne postulas dankojn pro la laboro, abunde uzas sian tempon sed ankaŭ sian monon, kaj ne afiŝas tion”.




Dit is een nieuwe brochure: ontdek hoe eenvoudig de taal in elkaar zit.
Wil je de folder zelf hebben? Hij is te downloaden op de website van Esperanto Nederland of te verkrijgen bij Esperanto Nederland, mail dan naar info@esperanto-info.nl

# Esperanto

## *zó op zak!*




ontdek een taal in één week!

**info@esperanto-info.nl**

# FENIKSO

20a jarkolekto, n-ro 2
marto - aprilo 2015

***Eventueel retouradres***
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchweg 435
2284 TA Rijswijk

